## LA GAZETARO PRI NI EN 1974

Ni daŭrigas la listiĝon de gazetartikoloj el „de“ 61/62 (5/6 1973), paĝoj 38—40 kaj *mencias ankoraŭ la artikolojn el la lastaj monatoj de 1973:*
*„Sächsisches Tageblatt“*, Dresden, 12parta Esperanto-kurso ĝis komenco de 1974. Krome 5. 10. 1973 20 jaroj Esperanto-movado / 19. 10. 1973 ĉiutage dufoje en Esperanto pri Radio Varsovio

*„Volkswacht“*, Gera, 29. 7. 1973 Esperantistoj el GDR en ĈSSR / 9. 8. 1973 Nova junularo pri la ilustrita magazino en Esperanto / 24. 10. 1973 Esperanto-biblioteko“ kiel danko el DRV / 26. 7. 1973 Esperanto-lernantoj koncertis / trans la limoj / 19. 6. 1973 festivalprogramo / 8. 11. 1973 amikecaj kontaktoj per Esperanto / 31. 12. 1973 Esperanto-gratuloj okaze de la TET-festo

*„Sächsische Zeitung“*, Zittau, 31. 10. 1973 pri trilanda renkontiĝo / 12. 9. 1973 pri varbvespero / 3./4. 11. 1973 laŭ la spuroj de laboristoj esperantistoj

*„Freie Presse“*, Werdau, 18. 10. 1973, kontaktoj trans la landlimoj

*„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten“*, Leipzig, Fine de 1973 ĝis komence de 1974 12parta esperanto-kurso

*„Der Demokrat“*, Schwerin, 31. 10. 1973, Esperanto en Güstrow, pri nova kurso / 26. 11. 1973 sama temo

*„Volksstimme“*, Magdeburg, 1. 11. 1973 pri CLR-kunsido

*„Frankfurt-Information“* Nr. 11, Frankfurt/Oder, pri renkontiĝo kun polaj esperantistoj + foto

*„Freiheit“*, Halle, 21. 11. 1973 pri nova kurso

Sorbische Tageszeitung *„Nowa doba“* (sorba gazeto) 14. 9. 1973 pri trilanda renkontiĝo

*„Neuer Tag“*, Frankfurt/Oder, 27. 11. 1973 pri varbkunveno + foto

*„Der Morgen“*, Berlin, 22. 12. 1973 Esperanto-Nonstop, pri pola foresta studo

---

(resto de paĝo 12)

Tio kaŭzos abruptan redukton de la necesa tempo por prepari unu eldonon. Laŭ iuj antaŭvidoj, en la jaro 1990 komputero povos produkti gazeton konsistantan el 600 000 vortoj dum malpli ol 5 minutoj kaj ĝin liveri al la konsumanto — per projekcio sur la televidila ekrano aŭ per preparo de fotokopioj por hejma aparato. La leganto povos postuli de la gazetara komputero aldonan informon pri demandoj, kiuj lin interesas.
La televida leganto de gazetoj aperos nur kiam la nun kutima televidsistemo estos anstataŭita de **kabla** televido. Tiun ĉi sistemon oni komence kreis por elsendi televidajn programojn al malproksimaj regionoj, kiuj ricevis la programon en siaj domoj pere de kablo. Intertempe evidentiĝis, ke la kabla sistemo estas pli certa, donas pli bonan bildon kaj povas proponi multe pli da programoj ol la ordinara televido. La kabla akceptado donas eblecon identigi ĉiun televidan abonanton per numero, simile al la telefona abonanto. Tio ebligos elektronan liveron de leteroj kaj telegramoj kaj elektronan elsendon de informmaterialoj al bibliotekoj, redakcioj kaj aliaj institucioj. Estos eble realigi inter la domoj televidan ligon similan al la telefona.

Docento Todor Dimov, Sofio
(Interligilo 4/45/1973)

**1974**

*„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten“*, Leipzig, daŭrigo de Esperanto-kurso / 27. 3. 1974 tre granda premio-konkurso pri kaj en Esperanto / 10. 6. 1974 pri gastoj el Bulgario

*„Der Morgen“*, Berlin, 3. 7. 1974 ĉu Esperanto havas estontecon?

*„Lausitzer Rundschau“*, Bautzen, 8. 7. 1974, amplekse pri GDR-kongreso en Berlin

*„Freie Erde“*, Neustrelitz, 3. 8. 1974, tre ampleksa intervjuo pri Esperanto / 29. 8. 1974 multflankaj eblecoj per Esperanto

*„Nationalzeitung“*, Berlin, 4. 8. 1974 pri UK en Hamburg

*„Liberal-Demokratische Zeitung“*, Halle, 5. 8. 1974 pri UK en Hamburg

*„Norddeutsche Neueste Nachrichten“*, Rostock, 15. 10. 1974 Ni lernas Esperanton

*„Demokrat“*, Rostock, 15. 10. 1974 pri novaj kursoj 10. 11. 1974 (Schwerin) pri katolika meso en Bialystok

*„Das Volk“*, Erfurt, 29. 10. 1974 pri novaj kursoj

*„Neue Zeit“*, Berlin, 5. 10. 1974 pri Esperanto-ekpozicio

*„Schweriner Volkszeitung“*, Schwerin, 24. 11. 1974 pri forestaj kursoj

*„Tribüne“*, Berlin, 9. 4. 1974 pri „Nuda inter lupoj“

*„Märkische Volksstimme“*, Potsdam, 9. 4. 1974 pri „Nuda inter lupoj“ / 16. 10. 1974 pri novaj kursoj

*„Norddeutsche Zeitung“*, Schwerin, 21. 4. 1974 ampleksega artikolo + foto pri Esperanto / 15. 10. 1974 (Rostock) pri novaj kursoj / 18. 11. 1974 pri forestaj kursoj

*„Thüringer Landeszeitung“*, Gotha, 15. 5. 1974 Esperanto-renkontiĝo en Gotha, ampleksega raporto pri laboristmovada kolokvio

*„Bauernecho“*, Berlin, 18. 5. 1974 „Nuda inter lupoj“

*„Neuer Tag“*, Frankfurt/Oder, 14. 8. 1974 pri novaj kursoj / 27. 11. 1974 amplekse + foto pri renkontiĝo kun poloj

*„Freies Wort“*, Suhl, 27. 8. 1974, amplekse pri renkontiĝo kun francaj esperantistoj / 4. 11. 1974 pri lernejo en Pisanica, Bulgario

*„Werftstimme“*, Warnowwerft Warnemünde, 29. 8. 1974 represo de ampleksa letero el Grandbritio

*Liberaldemokratische Zeitung“*, Halle, 10. 9. 1974 pri kontaktoj al Ufa.

*„Volkswacht“*, Gera, 21. 2. 1974 travivaĵriĉa semajnfino / 21. 5. 1974 agado en Ronneburg

*„Der Neue Weg“*, Halle, 15. 10. 1974 pri kontaktoj al Ufa

*„Ostseezeitung“*, Rostock, 31. 1. 1974 Esperanto-kurso komenciĝis / 6. 6. 1974 renkontiĝo kun poloj / 26. 6. 1974 pri internacia renkontiĝo / 3. 7. 1974 pri internacia renkontiĝo / 12. 7. 1974 pri aranĝo / 15. 10. 1974 novaj kursoj

*„Thüringer Neueste Nachrichten“*, Erfurt, 20. 4. 1974 pri „Nuda inter lupoj“

*„Lausitzer Rundschau“*, Cottbus, 23. 4. 1974 pri „Nuda interlupoj“

*„Neues Deutschland“*, Berlin, 4. 4. 1974 pri „Nuda inter lupoj“

*„Der Morgen“*, Frankfurt/Oder, 26. 5. 1974 amikeco per Esperanto, ampleksega + foto

*„Sächsische Zeitung“*, Zittau, 5. 6. 1974 pri trilanda renkontiĝo 7. 6. 1974 samteme / 14. 6. 1974 pri germana-pola renkontiĝo / 20. 7. 1974 pri junulara grupo / 5. 11. 1974 pri hungara grupo en Dresden

„*Nowa doba*“ (sorblingva ĵurnalo), Bautzen, 6. 6. 1974 pri renkontiĝo kun poloj

„*Sächsische Zeitung*“, Niesky, 20. 6. 1974 pri pola aranĝo (konkurso Vitka)

„*Brandenburger Neueste Nachrichten*“, Potsdam, 25. 1. 1974 pri foresta kurso de L. Schödl / 19. 7. 1974 Esperanto en filatelista ekspozicio / 10. 11. 1974 pri aranĝo en Potsdam

„*Leipziger Volkszeitung*“, Leipzig, 5. 1. 1974, ĉu vi parolas Esperanto? / 27. 3. 1974 letero de leganto pri foira vespero / 8. 6. 1974 poezio en Esperanto / 22. 6. 1974 korespondo kun Kievo

„*Volksstimme*“, Magdeburg, 13. 2. 1974 pri kadro-seminario / 24. 5. 1974 Kion volas Esperanto? / 27. 6. 1974 pri „Nuda inter lupoj“

„*Sächsisches Tageblatt*“, Dresden, daŭrigo de la Esperanto-kurso / 3. 5. 1974 kalendario pri internaciaj Esperanto-aranĝoj 1974 / 28. 6. 1974 Esperanto por datprilaborado, tre amplekse pri la komputerteknika vortaro el Hungario k. a. / 21. 6. 1974 pri pola konkurso „Vitka“ / 12. 7. 1974 parolas Varsovio / 9. 8. 1974 pri Esperanto-teatraĵoj / 16. 8. 1974 planlingvoj kaj lingva planado / 20. 9. 1974 pri naŭlingva ekonomika vortaro / 21. 10. 1974 ampleksege pri la Esperanto-insigno / 21. 2. 1974 semajnfino / 21. 5. 1974 agado

„*Norddeutsche Neueste Nachrichten*“, Rostock, 28. 11. 1974, tre amplekse pri intensa kurso en Stralsund kun pola pedagogino S. Palica

„*Demokrat*“, Rostock, 29. 11. 1974, amplekse pri intensa kurso en Stralsund kun pola pedagogino S. Palica

„*Norddeutsche Zeitung*“, Rostock, 28. 11. 1974, amplekse pri intensa kurso en Stralsund kun pola pedagogino S. Palica

„*Freie Erde*“, Neustrelitz, 6. 12. 1974 pri nova kurso

„*Mitteldeutsche Neueste Nachrichten*“, Halle, 7./8. 12. 1974 ampleksa intervjuo

„*Horizont*“, Berlin, N-ro 31/1974, paĝo 6, ampleksa respondo je demando de leganto.

---

## *Ni gratulas*

– La 17an de novembro 1974 la fervora kaj senlaca esperantisto el Leipzig, *Albert Weinhold*, fariĝis 70jara.

– *Fritz Hagemann* el Raschau festis la 6an de decembro 1974 sian 75an naskiĝtagon. Pro bonega kaj longjara laboro en Kulturligo li estis distingita per la Johannes-R.-Becher-medalo en oro.

– *Otto Leichert*, malnova laborista esperantisto el Freital, nelacigebla, la 2an de februaro 1975 festis sian 75an vivojubileon. Ni deziras al la jubileuloj plue bonan sanon kaj multe da ĝogoj kaj feliĉo por pluaj jardekoj. CLR

# „Kiel plivigligli la grupojn?“ (VI)

**Pri kelkaj problemoj de gvida laboro 2**

Daŭrigante la pripensojn el „de“ n-ro 5/6 ni volas emfazi, ke la ekzakta **plano** i. a. ankaŭ necesas por povi plani la necesajn financojn. Fakte ĉiujare ĝis septembro la ĉefa enhavo de la plano devus esti preta por povi samtempe proponi la financojn por la planota jaro. Ĉiu plano enhavu precize formulitajn taskojn, respondajn a) al la ĝeneralaj taskoj formulitaj en la bazaj dokumentoj de Kulturligo kaj de la esperantistoj kaj b) al la specialaj eventoj por la planata jaro (ekz. datrevenoj, specialaj kulminoj k. t. p.)

Necesas plue bone dividi la **realigendajn taskojn.**

Kaj jen oni ofte havas belan planon, sed ne garantion pri ties efektivigo. Por vere *gvidi* la laboron la estro de la distrikto aŭ subdistrikto ne devas sin tro ŝarĝi per unuopaj teknikaj taskoj. Alikaze li ne povas gvidi.

Liaj taskoj speciale estas jenaj

- *zorgi, ke la aktualaj kaj perspektivaj agadoj sekvu la bazajn gvidliniojn,*
- *prepari kaj gvidi la gvidkunsidojn,*
- *kontroli la realigadon de unuopaj taskoj, transprenitaj de la membroj,*
- *reprezenti la esperantistojn en la paralelaj gvidorganoj de Kulturligo kaj en la superaj esperantistaj gvidorganoj*

Nepre necesas, ke ĉiu bona gvidanto ĉiam zorgu pri eduko kaj evoluigo de sia **posteulo.** Ne nur la alta aĝo de multaj gvidaj aktivuloj tion necesigas. Ofte ankaŭ iuj ŝanĝoj en la profesio, familio, malsano, aŭ iuj aliaj teknikaj kaŭzoj, devigas lin, forlasi sian postenon. Kaj jen la problemo, kiu anstataŭos lin? Tiu, cetere, tre malfacila problemo ĝis nun ĝenerale ne ricevis la meritan atenton. Kompreneble la „edukado de posteuloj“ estas ĉiam valida perspektiva tasko, ne mekanike dekretebla sed ekstreme grava,

Oni havu la kuraĝon doni al junaj homoj respondecajn taskojn. Eĉ komencantoj aŭ lingve ne tro perfektaj (kaj eble neniam perfektiĝontaj) homoj povas transpreni gravajn gvidfunkciojn. Inter la plej respondecplene laborantaj aktivuloj en nia lando estas kelkaj politike kaj organize tre kapablaj kaj aktivaj funkciuloj, kiuj tamen ne sentas sin lingve tro kapablaj. Kompreneble ideala estus la kombino de politika, organiza kaj faka kompetentecoj. Sed oni ne ĉiam trovos ĉion kune kaj devas dividi la taskojn laŭ la ekzistanta situacio.

La historio de Laborista Esperanto-movado en Germanio konas multajn ekzemplojn, kiam ege aktivaj entuziasmaj laboristoj multon faris por LEA sed tamen ne nepre fariĝis majstraj esperantlingvaj oratoroj.

Plua tre grava problemo estas la **informfluo.** Ĝi ĝenerale pliboniĝis, tamen estas ankoraŭ sufiĉe mankohava.

Ekzistas jenaj 3 ĉefaj vovoj de informado de CLR al la unuopaj subordigitaj gvidantaroj

*a) „der esperantist“*

*b) la regule okazantaj 3 grandaj kunsidoj de CLR jare*

*c) specialaj cirkuleroj*

La ĉefa problemo estas, ĉu la en b) kaj c) entenitaj informoj vere atingas la grupojn. Pri tio respondecas la informricevintoj, do ĝenerale la estroj de la Distriktaj Laborrondoj.

Bedaŭrinde ofte nur dekono de la gravaj informoj estas pludonataj al la subdistriktaj estraroj. Kiom atingas la grupojn kaj la unuopajn membrojn?

Kelkfoje aŭdiĝas voĉoj, prave kritikante la malfruiĝojn en la *aperado de „der esperantist“*. CLR, mem ne kulpa pri tio stato, tamen daŭre klopodas normaligi la aperritmon.

Tamen, la argumento, ke „de“ pro malfrua aperado ne plu estas aktuala, tutsimple ne estas vera. Ne plu aktualaj estas informoj kun limdatoj k. t. p. La raportoj pri okazaĵoj en GDR aŭ internacie estas rigardeblaj kiel kroniko, kvankam ja estus dezirinde, ricevi tiujn raportojn pli rapide. Tamen, la plej multaj kontribuoj en „de“ estas de principa valoro kaj graveco. Analizoj, skizoj, teoriaj traktaĵoj k. s. daŭre aŭ sufiĉe longe restas aktualaj. Oni povas diri, neniel troigante, ke eĉ la unuaj numeroj de nia revueto el 1965 hodiaŭ ankoraŭ estas „aktualaj“, ĉar ili enhavas gravajn teoriajn artikolojn. Ĉiu, kiu posedas la jarkolektojn de „de“ fakte havas preskaŭ kompletan informaron pri la evoluo de la esperantistaj aktivecoj en GDR, la kolektitaj spertoj k. t. p., kaj informojn kaj vidpunktojn pri preskaŭ ĉio sciinda rilate Esperanton kaj ĝian movadon. Havante tiun riĉan presitan materialon oni disponas pri neelĉerpebla informtrezoro.

*D. Blanke* (Daŭrigo sekvos)

---

## Altaj distingoj por prof. Falkenhahn

La konata specialisto por slavaj lingvoj (speciale litova, pola, bulgara) prof. dro Viktor Falkenhahn, Humboldt-Universitato de Berlin (GDR) antaŭnelonge ricevis altajn ŝtatajn distingojn de la eksterlando. Okaze de la 30a datreveno de la fondiĝo de Pola Popola Respubliko prof. Falkenhahn en aŭgust 1974 ricevis la laŭ graveco duan ordenon de Pollando, la kavaliran krucon de la ordeno „Polonia Restituta“ pro liaj eksterordinaraj rezultoj en esplorado pri pola filologio kaj la disvastigo de la pola kulturo en GDR. Krome prof. Falkenhahn ricevis de la Akademio de Sciencoj de la Litova Socialisma Sovetrespubliko honoran dokumenton pro liaj meritoj ĉe la evoluigo de lituanistiko en GDR.

Prof. Falkenhahn estas membro de Centra Laborrondo Esperanto kaj prezidanto de la fakgrupo interlingvistiko/esperantologio. Al la distingito plej sincerajn gratulojn. *CLR, La red.*

## Intensivkurs in Stralsund

*In der Zeit vom 18.–22. 11. 1974 fand in Stralsund ein Intensivkurs für Anfänger statt, den die hauptberuflich tätige polnische Esperanto-Lehrerin aus Szczecin, Frau Stefanie Palica, leitete. An 5 Tagen wurde die Sprache täglich 8 Stunden unterrichtet. Die 20 Teilnehmer waren mit dem Ergebnis genauso zufrieden, wie ihre Leiterin. Am Ende des Kurses war es durchaus möglich, eine Konversation in Esperanto zu führen. Die Teilnehmer hörten außerdem Vorträge zur Tätigkeit der Esperantisten in der DDR und im Ausland vom Vorsitzenden des Zentralen Arbeitskreises Esperanto, Rudi Graetz, von Detlev Blanke, Sekretär des ZAK, sowie diverse Lichtbildervorträge, u. a. von Frau Palica über Szczecin.*

*Mit einer Spende für das chilenische Volk brachten die Lehrgangsteilnehmer ihre antiimperialistische Solidarität zum Ausdruck.*

*Der Lehrgang, organisiert vom Bezirksarbeitskreis Rostock, war ein guter Beitrag zur Realisierung des Freundschaftsvertrages zwischen den Rostocker Esperantisten mit der Organisation des Polnischen Esperanto-Verbandes in Szczecin. Im folgenden drucken wir einige methodische Hinweise von Frau Palica ab.* *Red.*

---

## *La instruado de la lingvo devas esti interesa*

Lige kun la intensa esperanto-kurso organizita de la Distrikta Estraro — Rostock en Stralsund de la 18–22-a de novembro 1974 mi volas prezenti kelkajn rimarkojn al tiuj, kiuj ne povis ĉeesti la kurson.

1. Kiel variigi la instruadon?
2. Kiel prepari la kursanojn al kontinuo de la lingvo-lernado?
3. Ĉu valoras organizi la intensajn kursojn?

1. Dum mia multjara instruado de esperanto kaj en junulara kaj en plenkreska grupoj mi spertis ofte diversajn aperaĵojn. Ĉiuj komencantoj en la lingvo dum la unuaj lecionoj estis ravitaj de la t. n. „facileco" de la lingvo kaj kiam laŭgrade venadis la pli malfacilaj lingvoformoj, la admirado paŝe malaperadis donante la lokon al la konstato, ke la lingvo ne venas el la ĉielo, sed oni devas ĝin vere lerni. Malbone faras la esperanto-instruistoj asertante al novaj adeptoj, ke esperanto estas tre facila lingvo; jes, ĝi estas facila, sed kompare kun la aliaj fremdaj lingvoj. Pro tio, se oni volas eviti la disreviĝojn, oni devas akcepti konvenan pozicion, montrante diversflankajn atributojn de la lingvo. Eĉ la elementa kurso devas esti paroliga ek de la komenco, kaj por paroligi la kursanojn oni povas uzi diversajn instruformojn kaj helpilojn, ekzemple:

   a) bildojn, simplajn, kolorajn, eĉ tiajn, kiajn oni uzas en la unuaj klasoj de la elementa lernejo. Kaj la sama bildeto povas esti uzata kaj konsiderata kelkfoje laŭ la diversaj gramatikaj formoj. La instruanto zorgas, ke gelernantoj respondu per la plenaj frazoj kaj poste ili starigu mem la demandojn, unue la pli kuraĝaj kaj sekve inter du, tri personoj. La bildetoj povas formi ian historieton kun la ŝanĝitaj agoj, kaj tiam gelernantoj mem malkovros la gramatikajn formojn;

b) filmojn aŭ lumbildojn ankaŭ kun simpla eĉ infana prezentado de personoj, numeraloj, agoj k. t. p. Laŭ la observoj ni scias, ke ne nur infanoj ŝatas fabelojn, sed ankaŭ ili estas bone akceptataj de plenkreskuloj.

c) kanzonojn laŭ la konataj melodioj, kaj tiel oni alproprigas la novajn vortojn;

d) versaĵojn — por ekzerci la memorkapablon kaj pliriĉigi la vortprovizon;

e) magnetofonajn sonbendojn — por aŭdi siajn proprajn voĉojn kaj prononcadon;

f) dialogojn — komence facilajn kaj poste pligrandigitajn per novaj demando-kaj respondo-formoj.

Evidente la instruanto devas esti mem aktiva kaj ne teda ĝis kiam la gelernantoj memstare preparos la dialogojn en la konversacia formo. Tiam oni tute nerimarkeble malkovros la gramatikaĵojn en frazoj, kaj tiam malaperos la barilo, kiu bremsas la parolon. Se oni ankaŭ ofte praktikos la komunan, ĥoran respondon kaj legadon, la kuraĝo en solparolo estos pli kaj pli granda.

Bonegajn formojn de dialogoj prezentis al la pola instruistaro aŭtoro de la esperanto-lernolibroj A. Pettyn. La praktika uzado de tiuj ĉi dialogoj permesas variigi la konversaciojn des pli, ke ili devenas el la ĉiutaga vivo. Ju pli da inventemo havos la instruanto, des pli interesaj kaj malenuigaj estos la lecionoj.

2. Dum la menciita kurso mi penadis doni al la gekursanoj diversajn formojn de la lernado kaj post ĝi oni povas „ripozi sur laŭroj", sed daŭrigi la lernadon aŭ dum la klubvesperoj, aŭ en la 2—3 personaj grupetoj, ĉar en sia loĝloko oni certe trovos tiom da lingvo-amikoj. Ĉi-tie mi atentigas la E-klubojn, ke ili en siajn laborplanojn nepre metu almenaŭ 20—30 minutan „lingvan anguleton" por konsideri esperantan dirmanieron kaj lingvajn problemojn.

Se ankaŭ ni havos plumamikojn, kun kiuj oni povos interŝanĝi leterojn pri diversaj temoj, la progreso en la lingvo certe estos videbla. —

3. La unuan fojon mi praktike ĉeestis kiel instruisto en la „intensa kurso de esperanto" kaj mi devas konstati, ke ĝi vere estis efika, ĉar la gekursanoj dum la 5 tagoj vivis en vere esperanta medio kvankam 8 lecionoj potage ŝajnus esti troa kaj streĉa kaj por instruisto kaj por partoprenantoj, tamen „kiu volas, tiu povas". Krom tio la plenamika kaj familieca etoso likvidis ĉiujn malfacilaĵojn kreante la harmonian grupon.

Al la Distrikta Estraro en Rostock mi esprimas la gratulojn pro la organizo de la kurso, kiu donis al poresperanta agado la novan imitindan sperton.

Stefania Palica

## *El leteroj*

**Vojaĝimpresoj de E. Lödör, Belgio**

Kun franca grupo de la Asocio Francio — GDR, tri laŭ origino, hungaroj, pasigis 15 tagojn en GDR. Ĉe la landlimo de GDR, longa atendado pro tre akurata, sed korekta kontrolo, komprenebla. Ŝajnas al ni evidente, ke oni ne procedas tiel por sia nura plezuro.

Estante sur la teritorio de GDR, baldaŭ montriĝis kvalita diferenco rilate ekzemple GFR aŭ Belgio. La vojoj malnovaj, tro uzitaj, la konstruaĵoj malpli prizorgitaj, sekve malpli gaje efikantaj; la vojmontriloj en malpli bona stato, verŝajne, pro ne bona materialo ...

La negativaj impresoj perdas akrecon, memorante kaj profundiĝante en la historian ekziston de GDR. Tamen, ĉu ĝi ĉion eksplikas? El ĉi-tiu objektivo rigardate, la respondo povas esti nur granda jeso. El ĉiu kritiko restas nur senfina miro kaj admiro pri ĉio kion nur socialista reĝimo kapablas realigi ...

Feliĉe ekestiĝis kelkfoje insuloj formitaj de lingvo-konsciaj homoj, fare de esperantistoj el Leipzig, el Hildburghausen, Meiningen. Al ĉiuj senescepte mi dankas tiujn horojn kiuj ebligis al ni centprocentan ĝuon de vera interfratiĝo. Kulminon de tiu etoso signifis la kunveno iun posttagmezon por festi la 25-jaran ekziston de GDR en ĉeesto de sekretario de la germana Kulturligo. En Berlino impresis min tre agrable la moderna tamen ne rigide, sed varme efikanta arĥitekturo de la centro. Ankaŭ tie ni renkontis nur korektecon, neriproĉeblan organizon.

Por fini, mi ne povas fari alian ol esprimi mian kontentecon pri la vojaĝo malgraŭ la plej parte malbona vetero kaj lingva malhelpo. Ĉiu demokrato, aprezanta la apenaŭ kredeblan realigadon, kiu konsistas en la kreo de prospera socialista lando sur teritorio antaŭe konata la plej militarista, tiu vizitu GDR!

E. Lödör, Peranto de MEM,
Belga sekcio

**El letero de A. Koganu, Tiĥvin**

De la 7a ĝis la 9a novembro 1974 en Leningrado okazis la 12a Regiona Rusia Esperanto-Rentkontiĝo, kiun partoprenis esperantistoj el Moskvo, Ivanovo, Siktivkaro, Ĵuja, Vitebsko, Tula kaj Tiĥvin. Dum solena malfermo de la konferenco elpaŝis la vicprezidanto de MEM, docento S. Podkaminer, kiu i. a. rakontis pri la agado de MEM en Sovetio kaj eksterlando, emfazis la kreskon de la laboro de sovetiaj esperantistoj.

Reprezentantoj de E-kluboj raportis pri sia E-laboro, pridiskutis planojn por la estonta jaro. Dum la prelegoj pri Esperanto antaŭ laboristoj, mi fruktodone uzis la materialojn de „Junularo“ kaj „Paco“ (MEM-bulteno la 1974j) eldonitaj en via lando. Kore dankas kaj deziras pluan fruktodonan E-agadon.

# INFORMOJ

**El letero de S. Neilande**

**Estimataj samideanoj!**

Okaze de la 25a datreveno de GDR, la 9an de oktobro 1974, en Riga Esperanto klubo okazis kunveno dediĉita al tiu grava jubileo kun partopreno de k-do Paul Köster, la prezidanto de la esperantistaj grupoj en Rostock kaj Warnemünde. Li alvenis per amikeca trajno kune kun pli ol 300 germanaj aktivuloj, kiuj estis varme akceptitaj en nia urbo. K-do Köster ricevis la vojaĝon kiel premion por aktiva laboro en Nacia Fronto.

La solenan vesperon malfermis la prezidanto de Riga Esperanto klubo, Ed. Jaunvalks, kiu prelegis pri GDR. Poste k-do Köster rakontis pri GDR, pri la tutlanda Esperanto-movado, pri la laboro de la Rostocka E-klubo kaj aliaj temoj, ligitaj kun nia movado.

Riga kaj Rostock estas ĝemelaj urboj kaj ankaŭ niaj E-kluboj kunlaboras jam kelkajn jarojn. Pasintjare nin vizitis la aktivulo de la Rostocka klubo, k-do V. Plate kun edzino.

Post la elpaŝo de k-do S. Butmann pri liaj unuaj konatiĝoj kun germanoj, komenciĝis vigla interparolado kaj k-do P. Köster devis respondi al multaj demandoj. Nia interesa interparolado daŭris ĝis la malfrua vespero. Riganoj ricevis donace belan, koloran prospekton pri Rostock kaj aliajn esperantaĵojn, eldonitajn en GDR.

Ni esperas, ke nia E-klubo baldaŭ povos denove akcepti gastojn el Rostock kaj aliaj lokoj de GDR! Finante mian leteron mi deziras novajn sukcesojn al la germana popolo, pli firman kunlaboradon kun samideanoj en nia frata GDR! Vivu la amikeco!

Sincere salutante vin
S. Neilande

**Al niaj sovetaj abonantoj!**

Bonvolu ne grumbli pro malfruiĝoj en la ricevado de nia revuo. Tion kaŭzas teknikaj problemoj en la presejo (malfrua aperado) kaj la fakto, ke malgranda oficejo devas realigi ekstreme streĉajn dissendadojn eksterlanden. La gazeto estas licencita, do garantie aperadas en 144 paĝoj jare. 1975 ni aperigos 6 kajerojn kun po 24 paĝoj. Do trankvile reabonu ĉe viaj perantoj.

La red.

**Gratulojn por doktoriĝo**

La konata leksikologo Erich-Dieter Krause, verkinto de la du vortaroj Esperanto/Deutsch kaj Deutsch/Esperanto en GDR, fine de 1974 tre sukcese defendis sian doktoran disertacion pri indoneza lingvo. Doktoro Krause el Leipzig, sinologo, prilaboradas aktuale tre ampleksan vortaron Deutsch/Esperanto pri kies eldono Centra Laborrondo klopodas.

Al la doktoriĝinto, membro de Centra Laborrondo, niajn tre korajn kaj sincerajn gratulojn.

CLR

**Zamenhof-kunveno en Auerbach (Vogtlando)**

La ĉijara Zamenhof-kunveno de la subdistrikta laborgrupo Auerbach en Vogtlando okazis la 15an de decembro 1974 en Falkenstein. 25 geesperantistoj partoprenis, inter ili gastoj el Plauen kaj Reichenbach, kaj la prezidanto de la distrikta laborgrupo Karl-Marx-Stadt, Erich Würker. Post salutparolado kaj raportoj pri la ĉi-jara laboro, pri kelkaj renkontoj kun ĉeĥoslovakaj geesperantistoj kaj pri la planoj por la venonta jaro, la partoprenantoj atente aŭskultis paroladon pri ne tre konataj eventoj kaj epizodoj el la malfacila vivo de

# INFORMOJ

d-ro Zamenhof. Novaĵo en la programo de la kunveno estis mempreparita sonbendo kun popolmuziko el la plej diversaj landoj: Aŭstralio, Ĉeĥoslovakio , Bulgario, Francio, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio, Pollando, Sovetio. Inter ĉiuj eroj de la muziko estis parolata esperantlingva anonco,

Laŭ raporto de P. Thomas

**Intensivkurs für Fortgeschrittene**

In der Zeit vom 20. bis 25. Oktober 1975 führt der Bezirksarbeitskreis Esperanto, Dresden, in Pirna-Neundorf einen Intensivkurs für Fortgeschrittene durch, den ein polnischer Pädagoge leiten wird. Außer den Fahrtkosten muß jeder Teilnehmer für 5 Tage insgesamt 65 M für Verpflegung und Übernachtung tragen.
Interessenten für diesen Kurs melden sich beim Vorsitzenden des Bezirksarbeitskreises, Walter Röhner, 8252 Coswig, Erich-Weinert-Str. 3c.

**Abonu „Bulgara Esperantisto"-n**

la organo de Bulgara Esperanto-Asocio. Bulgara Esperantisto estas abonebla ĉe Otto Lauckner, 828 Großenhain, Robert-Blum-Straße 9. BE aperas en 12 numeroj jare kaj kostas 9 markojn. La mono estu asignota al Otto Lauckner, Kreissparkasse Großenhain 4992-42-30537 (do nepre ne al la privata adreso). Ĉiu aktiva esperantisto havanta rilatojn al niaj amikoj en Bulgario, devus uzi tiun eblecon kaj aboni la revuon.

**Internacia Unuiĝo de Esperantistaj-Filologoj (IUEF)**

Ĉi-tiu faksekcio de ISAE (Internacia Sciencista Asocio Esperanta) fondiĝis kun la celo utiligi la internacian lingvon por filologaj celoj. IUEF, kies sidejo estas en Sofio (pk. 66), eldonas multobligitajn informilojn sub la nomo „Filologo", preparas specialajn filologiajn numerojn de „Scienca Revuo" kaj okazigas filologiajn kunvenojn dum la Universalaj Kongresoj. La kotizo estas pagebla i. a. per naciaj esperantaĵoj. La unua numero de „Filologo" (novembro 1974) i. a. enhavas raporton pri la stato de IUEF el la plumo de ĝia prezidanto Violin Oljanov (Sofio) kaj interesan analizon de prof. Ĝuĝev pri la libro de E. Svadost „Kak vozniknjet vseobščij jazyk" (kiel estiĝos tutmonda lingvo), libro kiu aperis 1968 en Moskvo.

**Amikoj serĉataj**

Iamajn germanajn esperantistajn korespondantojn el la tempo antaŭ 1933 serĉas Ivan Kulakov, Voroneŝ — 28, Irkutskaja 21—28, Soveta Unio. Ivan Kulakov ankaŭ regas la germanan lingvon.

**Esperanto-filatelo**

En „Sammler - Express", 20/1974, aperis sur paĝo 466, kliŝoj pri Esperanto-poŝtkarto el 1911 (Soveta Unio) kaj stampo pri la UK 1923 en Nürnberg.

**En hungara televido**

La Budapeŝta Televido la 8an de januaro 1974 prezentis duonhoran dokumentfilmon pri la Hungarlanda Esperantista Societo Laborista okaze de la 60jara jubileo de ĝia fondo. En la filmo parolis prof. d-ro Kálmán Kalocsay, Paŭlo Balkányi, Sándor Bán, d-ro Arpád Rátkai, Borbála Szerémi, Imre Tombácz, Endre Gimes, Mihály Dumitrás kaj Béla Berceli. La filmon redaktis Anna Sárdi, la reĝisoro estis Ferenc Grünwalszky.

(Eszperantó-magazin 3/74)

## OSER — 17

La Okcidentsiberia Esperanto-renkontiĝo-OSER okazis de la 7a ĝis la 10a novembro 1974 en la antikva siberia urbo Omsko. Venis 30 esperantistoj el Novosibirsk, Barnaŭlo, Ufa, Tjumen, Ust-Kamenogorsko. La 7an de novembro estis solena malfermo, vespero de konatiĝo; la 8an de novembro s-no R. J. Sikorskij faris altnivelan sciencan prelegon pri la temo: „Pri kelkaj esperantologiaj verkoj". En la prelego li konatigis la aŭskultantojn pri sciencaj artikoloj, aperintaj en „Voprosy jazykoznanja" ekde la jaro 1957 ĝis nun. Sian prelegon s-no Sikorskij kronis per jenaj vortoj:

*„Finante mian prelegon, mi emfaze petas vin, ke, informante homojn pri la problemo de Internacia Lingvo kaj pri Esperanto, vi insiste substreku, ke la problemo de Internacia Lingvo estas* **scienca** *problemo, necese aperinta en la procezo de la historia evoluo de la homaro, ke Esperanto estas racia solvo de tiu problemo kaj objekto de sciencaj lingvistikaj studoj. Nur per* **scienca** *argumentado ni progresigos la solvon de la problemo".*

Poste oni organizis seminarion de aktivuloj, ekskursojn k. t. p. La lingvoscipovo de la partoprenantoj estis alta.

OSER-17 donis utilon ne nur en la perfektiĝo de la lingvo mem, sed ankaŭ por la vigligo de la E-laboro en lokaj E-kluboj, ĉar estis pridiskutataj i. a. demandoj de SEJM-graveco.

Dum la lasta periodo, post la SEJT-16 siberianoj:

— *organizis kurson por preparo al instruista ekzameno ĉe universitato en Tartu (Estonio) sub gvido de Kulikov (Omsko)*

— *pli vaste uzas materialon de bibliografia fako de SEJM sub gvido de s-ino Valeria Cvetkova (Leningrado)*

— *sistemigis materialon por prelegoj tuŝantaj Esperanton sub gvido de s-no V. P. Beŝkarev (Gorkij)*

— *preparas la sekvan SEJT-16 en Kazaĥio sub gvido de Ust-Kamenogorska E-klubo „Verda Horizonto"* ...

*A. Kogan, Tiĥvin*

# KORESPONDDEZIROJ

## Britio

Pri literaturo kaj E-movado dez. kor.: Malcolm k. Jan Wallace, 28 Rosendale, Saveevnake Road, **Chelmsford,** Esseks / komencantoj Ted k. Alice Wood, „The Bungalow" Larks Lane, Broods Green, Gl. Wallham, **Chelmsford, Esseks** / Andrew Archibald (16 j.), 100 Zower Anchov Str., **Chelmsford,** Esseks / Derik Robinson, 46 Orchard Rd. Bunkam av. **Cvauch,** Esseks / Thony Shaw, 8 Station Road, **South Benfleet,** Esseks

## Argentinio

Kemia teknikisto, 31 jara, dez. koresp. Roberto Antonio Alonso, Balcarce 163 Bis — **Rosario** — p^cia^ Santa Fé

## Bulgario

Geesp. el **Šumen** dez. kor. k. gesam. el GDR: Studentinoj Anelia Peŝewa k. Jordanna Paneva, str. Odrin 8, Bl. Stranĝa 4 / Violeta Grozdeva Ilieva, str. Okt. revolucio 17, n. 1, ap. 5 / Tatjana Penkova, Jana k. Vanja Ivanova, str. Panojot Volov 52 / Inĝeniero Stefan Georgiev, str. Okt. revolucio 17, vh. B, ap. 28 / Instruistinoj Dimitrina Dimitrova, str. Pejĉinoviĉ 4 / Antoanetta Ilieva, str. Dede-agaĉ 4, vh 1, ap. 67 / Oficistino Sminka Borisova, str. Zjuben Karavelov 5 / Studento Aleksandr Borisov, str. Georgi Dimitrov 45 / Modelistino Spaska Milanova, str. Kiŝinev 27 / Apotekistino Emilia Ĥristova, str. Milin Kamak 23 / Teknikisto Dimitr Minĉev, sr. Haralan Angelov 6

## ČSSR

Dez. kor. E-grupo 2, **35 321 Mariánké Lázné** / PS 39 A

## GDR

Dez. kor. Hans-Joachim Borgwardt, (50 j.) 23 **Stralsund,** Apollonienmarkt 1, kol. bk.;
Dez. kor. pri pm, bk, teatro, muziko, lingvoj, turismo, arto, folkloro Joh. Dreßler (40 j.), 8312 **Heidenau,** Beethovenstraße 7;
Studintino de kulturscienco, dez. kor. angle, hispane (ne esperante) pri filozofio, literaturo, etnografio. Petas helpon ĉe perado de kor. amikoj, prec. el Latinameriko (i. a. Meksikio). Barbara Kästner, **DDR-115 Berlin,** Melanchthonstraße 87;
Studento de ekonomio serĉas kontakton k. aktivaj ŝakistoj Mathias Hahlbohm, **DDR-117 Berlin,** Mittelheide 46;
Dez. kor. k. gejunuloj (16—18 j.) pref. el Hungario pri div. temoj, Uwe Stramka, 18 **Brandenburg/Havel,** Haydnstr. 68 ptr.;
Batalinto en la jaroj 1936 ĝis 39 el Hispanio dez. kor. pri ĉ. t. Vicente Ibars, 1542 **Falkensee-Finkenkrug,** Hirschsprung 30

## Francio

Dez. kor. k. germanaj gejunuloj pri socialismo, literaturo, scienco, lingvoj, vojaĝo, junularaj problemoj, Jean Guillemain, 1. rue de la Sarrajme T. 5, **92220-Bagneux**

## Hungario

17 jara junulino dez. kor. k. germanaj gejunuloj pri sporto, muziko, interŝanĝ. pm, Ella Tóth, 8900 **Zalaegerszeg,** Gasparich u. 15;
Lernanto dez. kor. Gyula Kovira, 6100 **Kiskunfélegyháza,** Hunyadi u. 4;
Lernantino dez. kor. kol. pm, bk, **Julia** Liskai, 5630 **Békés, Csalai u. 25 m;**
Lernantino dez. kor. pri sporto, kol. bk k. kalendarojn, Gabriella Almási, 9021 **Györ,** Jókai u. 13—17;
Lernantino 16 jara dez. kor. pri vojaĝoj, geografio, Elizabet Kiŝ, 2532 **Tokod-Altaro,** Jožef Attila 81;
Lernantino 17 jara dez. kor. pri div. temoj, kol. pm, bk, Katalino Leffler, 9300 **Csorna,** Arpád u. 2

## Jugoslavio

Pavetić Gordana (16 j.), 42 000 **Varaždin,** Gimnazija, dez. kor. pri ĉ. t.

---


**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60.** Fernruf: 2 20 29 91
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.

Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 210